# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 10/09/2015 Ducent tridekkvara eldono 10/09/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 304** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Memoru ke ĝi celas esti propaganda libreto, ne instrulibreto. http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★

# 87. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Propraj nomoj. B.

Tria regulo: Ili normale uzatas nur en la singularo. Sed kelkfoje oni uzas la propran nomon en la signifo de “ĉiu(j) kun ties nomo aŭ karaktero”; en tiu kazo ĝi povas aperi en la pluralo, ricevas la artikolon (ne necese) , kaj retenas la ĉefliteron: “Mi salutas ĉiujn McIntoŝhojn”; “Mi defias ĉiun Einstein inter vi”.

Notu ke ankaŭ certaj specoj de komuna nomo uzatas ofte sen la artikolo: “Hodiaŭ oni manĝis supon”; “Honesteco maloftas ĉe politikistoj”.

Noto: Oni neniam povas renkonti propran nomon sen la ĉeflitero. Esperanto kaj Latino estas propraj nomoj, ankaŭ la tagoj kaj la monatoj. Se ne, oni devus diri “Mi venos je la lundo”, kiel diras la germanoj; en tiu kazo “Mi venos lundon” signifas “Mi venos iun ajn lundon”. Do uzu “Lundo”!

Marcel Leereveld.

# Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj.



Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al: janowylles15@gmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

Kam Lee kaj May O'Halloran venos la 29an de Oktobro ĝis la 4a de Novembro.

Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.

Estas pli ol 123,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)


Exists 6500 plus spoken languages
★ unu lingvo unu mondo
How many languages can one person speak?
★ unu du tri kvar kvin ses sep ok?
Our connected world needs a common second language.
Tower of Babel
★ a world citizen language
National languages discriminate against each other.
ESPERANTO ★
ESPERANTO is much easier to learn, is neutral, and is the ideal inter-national, auxiliary language.
★ languages are not easy
Many people do not have the opportunity, money, schools, time, ability or years to learn several foreign languages
Esperanto
★ esperanto is the easiest
The same second language would help everyone.

ESPERANTO ★
The Language for World Citizens
Speak the most popular planned language in the world, Esperanto! Created to foster peace and international understanding, this beautiful and flexible language is quite easy to learn. On Duolingo, you will find a course created specifically to meet the needs of the modern Esperanto speaker. Make new friends at the many Esperanto gatherings around the world and discover the vast original collection of Esperanto literature and music. Join us and begin your journey today to learn this unique language spoken by millions of people across the globe. ★ unu mondo one world
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online Free Online Course
Esperanto House 143 Lawson St. Redfern 2016
Books, Meetings, Lessons, Meetups, Friends.
http://esperantohouse.org.au/ All Welcome
Email nsw@efnsw.org.au Phone 02 9319 4775




# La broŝuro kaj la libreto

estas haveblaj ĉe la Esperanto-Domo.
Prenu kopiojn por interesigi la homojn.
Ni havas la propagandilojn.
Mi petas ke vi uzu ilin.

# Reklamu Ĉi tiujn Semajnfinajn Esperantajn Kunvenojn ANZ-Esp-Klubojn.

Elsendata ĉiun vendredan vesperon. Se vi reklamos vian venontan kunvenon ĉi tie, eble venos vizitantoj. *Ne forgesu sendi informon !*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas ĉiujn unuan kaj trian Sabatojn. La venonta kunveno estos la 5an de Septembro de la 10-a ĝis la 12-a ĉe Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; unu taso da senpaga kafo.

Venis Eunice, John, Chris, Roger kaj Ian. La vetero estis preskaŭ somera.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




# Esperanto-Domo Sidnejo

Mekrede la 09an venis Roger Springer, Jim Couch, Jano Wylles,

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**La Jara Kunveno (AGM)** okazis Dimanĉon, la 6an de Septembro. Venis 12 homoj. Foto de kelkaj estas sube.

Nova Estraro estas (Prezidanto) Roger Springer, (vicprezidanto) Gerry Phelan kaj (5 Estraranoj) Dmitry Lushnikov, Jano Wylles, John Casey,

Jonathan Cooper kaj, ĉar Ago decidis nuligi sian kandidatecon, estis vaka posteno. Poste la nova komitato elektis Nicole Else kiel la 5an estraranon.



Gerry Ago Jim Nicole Roger Lyudmila Jano Dmitry

## La Adelajda Esperanto-klubo.



La ĉefa parolanto de la lasta kluba kunveno en Adelajdo estis Benno Lang, juna lingvistikema komputilisto, kiu lernis Esperanton antaŭ du jaroj dum la Adelajda Lingva Festivalo kaj nun revenis al ĝi lernante pere de Duolingo. La temo estis "Domoj de pajloblokoj". Benno konstruis sian propran domon el pajloblokoj kaj ni kun intereso sekvis la fotojn pri la procezo kaj la klarigojn en tre bona Esperanto.



Amike, Katja Steele

## Nicole kreis sian propran novaĵleteron.

Sendu retmesaĝon al ŝi se vi volas kopiojn. nic941@iinet.net.au Vidu paĝojn 4 kaj 5 sube

# ESPERANTO
## Novaĵoj el Sidnejo

Redaktita de Nicole Numero 1 2an de septembro 2015

Ligoj al la reto estas en kursivaj literoj substrekitaj.

Jen intervjuo de Richard Delamore kun Ghil'ad Zuckermann pri aborigenaj lingvoj kaj Esperanto.



*Intervjuo kun Ghil'ad*

Sidneja lingva festivalo *Estu vi mem* kanto en 7 lingvoj





Sidneja lingva festivalo *kanto en aborigena lingvo*

Michael Jarrett estas aborigeno de la regiono de Coffs Harbour. Li instruas la lingvon Gumbaynggirr. Restas nur unu denaska parolanto de la lingvo Gumbaynggirr. Michael lernis la lingvon kiel plenkreskulo kiam restis ankoraŭ iom pli da denaskaj parolantoj.



Mi kun Lyudmila Kelloway kiu unuafoje publike kantis en Esperanto

**Mia raporto pri la lingva festivalo**

La Sidneja lingva festivalo okazis la 29an kaj 30an de aŭgusto 2015. La unua tago okazis en la Redfern Community Centre. Unue profesoro Ghil'ad Zuckermann, kiu estas profesoro en la universitato de Adelajdo prelegis pri la revivigo de aborigenaj lingvoj. Li surprizis nin farante parteton de sia prelego en Esperanto.

Aŭskultu _Ghil'ad Zuckermann en Esperanto_ Li bonege elparolas, ĉu ne? Li klarigis al ni, ke lingvo estas ege grava por aborigenoj kaj ke la perdo de lingvo povas esti eĉ pli grava ol la perdo de tero. Laŭ profesoro Zuckermann la aborigenoj devus ricevi kompencon pro la perdo de siaj lingvoj. Li bone klarigis kial gravas eviti la malaperon de aborigenaj lingvoj.

Post tiu enkonduka prelego okazis prezentoj de lingvoj. Plejparte estis elekto inter 4 programeroj. Jonathan Cooper prezentis artefaritajn lingvojn, Richard Delamore prezentis Esperanton. Mi ĉeestis la prezenton de la hebrea lingvo, de la urdua lingvo parolata en Pakistano kaj de la persa. Mi iom eksciis pri la tre fama irana poeto Omar Khayyam. Kvankam liaj verkoj estas tradukitaj en ege multaj lingvoj, mi ankoraŭ ne konis lin, mi devas konfesi.

Je la fino de la tago okazis muzika vespero. Ni aŭdis kantojn en la armena, itala, rusa, ukrajna kaj en la aborigena lingvo Gumbaynggirr. Lyudmila Kelloway el Kvinslando bele kantis en Esperanto. Ŝi kantis *En bona espero* kaj _Ho, mia kor'_ de Zamenhof. Je la fino de tiu programero ni kantis *Estu vi mem* en 7 lingvoj inkluzive de Esperanto kompreneble.

La dua tago okazis en la pavilono de la strando de Bondi. El la balkono ni havis ege belan superrigardon al la fama strando de Bondi. Tamen mi apenaŭ havis tempon por rigardi, ĉar ja okazis multaj programeroj. Unue mi ĉeestis prelegon pri la aborigena lingvo Gumbaynggirr. Michael Jarrett klarigis al ni ke tiu lingvo havas ion iom similan al akuzativo, sed malkiel nia akuzativo oni metas specialan finaĵon al la subjekto kiam la verbo estas transitiva. Li klarigis ke dank' al tiu finaĵo la vortordo povas esti fleksebla. Poste mi ĉeestis paroladon pri la influo de la angla lingvo sur la germanan. Poste estis la vico de la kimra lingvo, sed li nur parolis pri la historio de la lingvo, ne pri la lingvo mem, almenaŭ mi pensas, ĉar mi fuĝis antaŭ la fino. Sekvis la prezento de Esperanto ĉi-foje farita de Jonathan Cooper. Poste mi ĉeestis la prezenton de la korea lingvo. Finfine venis la tempo por mia prezento de la franca lingvo. Mia celo ne estis kuraĝigi personojn lerni la francan, sed montri kiom malfacila estas fakte la franca lingvo. Mi ekzemple iom klarigis pri la problemo ĉu oni prononcas la finan "s" en la franca aŭ ne. Kompreneble dependas. Por vortoj kiel "tous" aŭ "plus" oni foje devas prononci la "s" foje oni devas ne prononci ĝin. Je la fino mi citis frazojn el la libro *La eta princo*. Sekvis alia prelego de profesoro Ghil'ad Zuckemann ĉi-foje pri la revivigo de la hebrea lingvo. Li argumentis, ke ĝi ne estas simple revivigo de la malnova hebrea lingvo, sed havas fortajn influojn de la jida lingvo.

La festivalo estis do tre interesa, sed bedaŭrinde ne sufiĉe da personoj profitis de tiu bona programo. Laŭ mi, ne venis sufiĉe da personoj. Do estontece iel ni devos provi atingi, ke pli da personoj sciu pri la festivalo kaj ke pli venu.



Dmitry Lushnikov kun profesoro Ghil'ad Zuckermann

paĝo 2

Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

Riĉa fonto de Esperantaj legaĵoj

BITOTEKO - elektronika Esperanto-biblioteko en Hispanio



ROTERDAMO **Jubileanto** N-ro 1 sabato, 19-a de julio redakciejo: ĉambro Vermaas retpoŝto: kuriero@co.uea.org

Kongresa Kuriero de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto, Roterdamo 2008

**Ekspozicio en la urba biblioteko**

Ekde aprilo eblas rigardi ekspozicion pri Esperanto en la Centra Biblioteko de Roterdamo. La nun montrata kolekto estas jam la tria "eldono" dum preskaŭ kvar monatoj, ĉar la enhavo estis dufoje ŝanĝita. Kvankam la klarigaj ŝildetoj de la ekspozicio estas nederlandlingvaj, indas tamen viziti ĝin, ĉar la eksponaĵoj mem estas libroj kaj esperantaĵoj. Eble la aranĝo de la ekspozicio ankaŭ donos ideojn, kiujn vi aŭ via klubo povos apliki por starigi similan ekspozicion en via propra urbo. Vi trovos la Centran Bibliotekon irante maldekstren de la kongresejo enirejo laŭ la strato Hoogstraat ĝis la granda bazara placo, aliflanke de kiu troviĝas la biblioteko (vidu la mapon supre, sed ne zorgu pri la trajn-reloj: ili estas subteraj).

La ekspozicio troviĝas en ĝia unua etaĝo, kien kondukas rulŝtuparo kaj lifto el la teretaĝa halo.

**Informo pri ekskurso al Hago**

En la muzeo Panoramo de Mesdag (Zeestraat 65, Den Haag, http://www.panorama-mesdag.nl), kie videblas unu el la plej grandaj kaj plej belaj panoramo-pentraĵoj de la mondo, la ĉiĉerona teksto aŭdeblas ankaŭ en Esperanto. Se vi vizitas la muzeon, nepre ne forgesu peti la aŭdigon de la esperantlingva teksto kiam vi aĉetas vian bileton. Bonan amuziĝon!

**Cedu al arto-ŝoko**

Mardo je 16h15 en salono Piron okazas prelego de Katalin Kováts pri la vivo kaj arto de la fama nederlanda pentristo Vincent van Gogh. La programo estas bona enkonduko al eventuala vizito de la amsterdama Van Gogh-muzeo. Por interesatoj: la plej granda reta Galerio Van Gogh, ankaŭ kun esperantlingva teksto, troveblas ĉe: http://www.vggallery.com.

Kontribuu vi al *Jubileanto*! Venigu raportojn al la ĉambro Vermaas en la kongresejo, aŭ sendu retpoŝte al <kuriero@co.uea.org>.

Ni informas vin ke la ĝusta kaj definitiva horaro de la **Paroligaj Kursoj kun www.edukado.net** (vidu la Kongresan Libron, p. 52) estas la sekva:

| | Komencantoj | | Mezniveluloj | |
|---|---|---|---|---|
| | K1 | K2 | M1 | M2 |
| Lundon | 14h15-15h00 | 15h15-16h00 | 14h15-15h00 | 15h15-16h00 |
| Mardon | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 |
| Ĵaŭdon | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 |
| Vendredon | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 |

Ĉiutage la lecionoj 1 kaj 2 estas la samaj je ambaŭ niveloj. Sufiĉas viziti nur unu el ili.

*Jubileanto* n-ro 1 | 1

Ankoraŭ nemultaj scias, ke Hispana Esperanto-Federacio funkciigas interretan bibliotekon "Bitoteko" - kolektejon de elektronikaj versioj de multaj kaj interesaj Esperantaj literaturaj materialoj!
La biblioteko havas plurajn subfakojn (literaturo, tradukoj, infanlibroj, ktp.), signifajn ne nur en hispana, sed ankaŭ en internacia nivelo.
Mian intereson aparte vekis la kolekto "Gazetoteko" - kiu enhavas 124 legeblajn kaj elŝuteblajn Esperanto-gazetojn, inter ili tiajn interesaĵojn kiaj **"La praktiko", "Bulteno de ATEO" (ateistoj), Esperanta Numismatiko, "Familia Esperanto"** kaj multaj aliaj.
La plej freŝa kolekto en Bitoteko estas la **"Kongresaj Kurieroj"**, t.e. la ĉiutagaj informiloj, eldonitaj dum la Universalaj Kongresoj. En la kolekto troviĝas **ĉiuj kurieroj de ĉiuj UK-j** el de 1908 ĝis 2015 – ĉiuj ili estas legeblaj kaj elŝuteblaj en formato pdf!
Sinceran gratulon al Roland Rotsaert, la Fondaĵo Vanbiervliet kaj la zorgantoj de Bitoteko pro tiu sidona laboro kaj kunlaboro!
Adreso de Bitoteko: http://bitoteko.esperanto.es:8080/jspui/




Nome de la teamanoj de Esperanto-fako de Legio de Bona Volo (LBV), mi invitas Vin viziti la novan, interagan, plurlingvan **blogaĵon Paiva Netto**. Ni tre ŝatos, se Vi aldonos en ĝi viajn opinion kaj komenton.
Alia maniero de interagado: Bonvole registriĝu sur la kampo *novaĵleteroj*, ĉe la fino de la ĉefpaĝo, por senpage ricevi duonmonate artikolojn pri homaj rajtoj, daŭrigebla evoluo, sanzorgoj, spritualeco, k.m.a.
Alia afero**: Internacia Tago de Karitato — la 5-an de Septembro: Aliru la** koncernajn artikolojn, kiuj pritraktas la temojn ***Karitato,*** **ĉe menuo "Artikoloj".**
**Klaku ĉi tie por iri al blogaĵo Paiva Netto.** aŭ ĉe <http://www.paivanetto.com/eo>
***"Karitato, ligita al Justeco, ene de Vero, estas bruligaĵo por profundaj transformiĝoj. Ĝia agado estas subtila, sed efika".***
El la centra sidejo de Legio de Bona Volo en urbo Sanpaŭlo de Brazilo,
samideane, fratamike, Maria Aparecida da Silva
www.bonavolo.com

# Esperanto? BONA IDEO! **Korespondantoj dezirataj!**

Mia nomo estas Daniel Rodolfo, Kubao, loĝanta en Bajamo, ĉefurbo de la urbo Granmo. Mi estas 20-jaraĝa kaj mi lernas Esperanton ekde 2014.

Mi aktivas en la movado kaj estas la respondeculo de la Junulara Sekcio en mia urbo.

Mi skribas al vi, ĉar mi deziras korespondi kun vi.

Esperanto estas grava ponto sen limoj en la mondo por la komunikado inter homoj.

Amike Daniel "daniforever@nauta.cu"

# AEA informas.

## Aŭstralia Esperanto-Asocio.

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001.

## Estrarkunveno la 3an de Septembro 2015.

Ĉeestantoj estis Jonathan, Joanne, Indrani, Heather, kaj invititoj: Ilia Dewi kaj Yani Walandari (membroj de la LKK).

1. Ilia Dewi raportis pri la provizora programo de la kongreso en Bandung dum Pasko 2016. La programo jam estas tre detale planita, kun multaj kulturaj eventoj, inkluzive de muziko, tradicia teatro kaj dancoj, bankedo, publikaj eventoj, balo ktp. La invititaj gastoj estas Lee Jung Kee, estrarano de UEA kaj la muzikisto Johnny M.
   Post kaj antaŭ la kongreso ankaŭ tri tagaj ekskursoj estas planitaj.
   Du niveloj da instruado (komencantoj kaj progresantoj) okazos.
2. Joanne preparas la venontan eldonon de ESK kaj petas, ke artikoloj sendatu al ŝi nun por inkluzivigati en ĝi.
3. Margaret Chaldecott, pro malsano, ne plu partoprenos niajn kunvenojn aŭ aktivecojn.

Jonathan Cooper, Indrani Beharry-Lall, Joanne Johns, Heather Heldzingen



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn Lundojn, 6.30 ptm ĝis 8.30ptm,

ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

La Melburna Esperanto-Klubo rerenkontiĝas post la vintra pauzo. Pasintan Lundon Esther Parris bone distris nin per siaj fotoj pri ŝia vojaĝo al Bratislavo kaj Vieno. Ĉeestis la kunvenon

Karlo Egger, Marcel Leereveld, James Douglass, Tristan O'Leay, Esther Parris kaj Heather Heldzingen.



Dum la vintra paŭzo, kaj ankaŭ dum la foresto de Jo, kiu laboras en Kvinslando dum kelkaj monatoj, Tristan bone zorgas pri la Esperanto-Meet-Up-grupo, kiu renkontiĝas ĉiun Dimanĉon.

Heather Heldzingen

Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

# REZULTO DE ENKETO - PRI KULTURAJ EO PRODUKTOJ




Kiuj interesiĝas pri analizoj kaj nombraj datumoj de Esperantujo, verŝajne kun ĝojo renkontis la rezultopanelon de la enketado pri Esperantaj amasmediaj produktoj **(muzikoj, filmoj, libroj, ktp)**.

La enketilon de Jonas Marx, juna germana esperantisto (kantisto), plenigis 142 homoj en interreto; la enketa rezulto montras iliajn respondojn. Ĉe la analizado oni devas konsideri, ke la nombroj montras ne la ĝeneralan sekcion de la Esperanta komunumo, sed de la plej aktiva, interretuma tavolo.

La enketila rezulto montras respondojn al 21 demandoj, kaj ĝi videblas en la retejo de J. Marx ĉe: http://jonny-m.org/enketo/rezulto.php .

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 | 234 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | ■ |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ | | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | ■ |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | ■ | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | | | | | | | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | ■ |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | | | |
| "Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |